**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

## ENHAVO

La kovrilo: Juan Carlos, reĝo de Hispanujo, honora prezidanto de la 47a Hispana Kongreso (Jubilea Jaro)



Kovrilpaĝo: Joan Carles Magria

Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 2402662
08028 BARCELONA

PREZIDANTO
Salvador Aragay i Galbany

VICPREZIDANTO
Luis María Hernández Izal

SEKRETARIO
Víctor Ruiz Rodriguez

VICSEKRETARIO
Josep Miranda Calvo

KASISTO
Joan Font Civit

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros
Libreta nº 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

LIBRO–SERVO DE H.E.F.
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID

Pagojn por Libro-Servo:
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOL

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35-4º
50001 ZARAGOZA

ĈEFDELEGITO DE U.E.A.
EN HISPANUJO
Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º iz.
Tel. (942) 339487
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

INFORMA–FAKO
Enrique Piquero Vázquez
Asín y Palacios 8-6º A
50009 ZARAGOZA

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13-3º P.7
28015 MADRID

# JARFINA SALUTO

**Hola samcelanoj!** La esperantistaro estas en la sojlo de nova jaro, kaj sendube la jaro 1985 estos por ni ĉiuj eble la plej granda defio, ĉar ĉion, kion ni ne planis, preparis aŭ organizis en la 1985 certe oni ne povos realigi dum la 100-jara datreveno de Esperanto.

Feliĉe ni povas informi al vi, ke kun la nuna jaro pliaj Esperanto-Asocioj oficialiĝis kaj samtempe kelkaj aliĝis al nia Federacio —nun entute 41— lokaj grupoj kaj E-asocioj— Tio reprezentas, ke finfine ekzistas forta strukturo por instrui, uzi kaj oficialigi la internacian lingvon en la aŭtonomaj komunumoj kaj en la ŝtataj institucioj. Ekzemple, memoru la dekreton de la Ministerio pri Edukado kaj Scienco de la pasinta jaro, kiu permesas la instruadon de dua moderna lingvo en "BUP" kaj "FP". Dank'al tiu dekreto la nacia lernejo "Primo de Rivera" en Callosa de Segura, ricevis jesan respondon de la "Generalitat" de Valencio por organizi E-kurson. Ni esperas, ke pliaj lernejoj kaj institucioj profitos tiun dekreton.

Kiel agrabla novaĵo staras unue la akcepto fare de nia reĝo Juan Carlos de la honora prezidanteco de la 47a Hispana Kongreso de Esperanto en Madrido, okazonta en aprilo en la Jubilea Jaro 1987 por la 46a H.K.; laŭ la lastaj informoj jam aliĝis 60 delegitoj.

Trie, la diligenta funkciado de la Literatura Fako de la Hispana Jubilea Komisiono; ĝi nun jam havas altnivelajn lingvajn tradukojn de famaj romanoj; ĉu via E-asocio akceptus preni sur sin la eldonadon de unu el la pretaj manuskriptoj?

Kiam vi legos ĉi tiun saluton, kara leganto, ni estos meze de decembro, nepre profitu la tagon 15an por festi kaj memorigi al viaj konatoj kaj amikoj la datrevenon de L. L. Zamenhof kaj okazigi E-aranĝon en via Loka Grupo aŭ Asocio. La redakcio atendas viajn raportojn kaj fotojn. Ni finas atentigante vin, ke la aliĝilo de HEF, kiun ni kunsendis kun la Bulteno ne estas por vi, ĉar vi jam estas HEF-membro; ni sendis ĝin kun la celo ke vi instigu iun ajn amikon vian, iun ajn simpatianton al Esperanto de via kvartalo, iun ajn komercan entreprenon, ke li, ŝi aŭ ĝi subtenu nian movadon. Nia jara kotizo estas tre malalta — pro tio en la kongreso de Vigo oni proponos altigi ĝin. Se vi intencas varbi kaj ekagas, certe vi trovos novan subtenanton.

Feliĉan tagon 15an kaj Agrablan Kristnaskon kaj Prosperan jaron 1986.

**Salvador Aragay**

# EKZAMENOJ

En la urbo Kartagena kaj en la Restadejo "Alberto Colao", je la 9a horo de la 8a de julio 1985a, okazis la ekzamenoj por atingi la Diplomon de Esperanto; al tiuj ekzamenoj prezentiĝis la sube cititaj kandidatoj:

**ELEMENTA KURSO**

Edelmira Campdelacreu Llagostera . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Notinda
Concepción Hernández Martínez. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Elstara
Adrían Mañas Codes . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Notinda
Ricardo Manuel García Tarín . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Notinda
Luis del Río Pérez-Piaya . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Elstara
Francisco Javier Romero Pareja. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Notinda

**INTRUISTA DIPLOMO**

Adrían Mañas Code. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .Bona
Ricardo Manuel García Tarín . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .Bona
Luis Gilpérez Fraile. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .Eminenta kun laŭdo

Kiel ateston por laŭbegona uzo, oni redaktis tiun ĉi Akton, kiuj subskribas kaj parafas.

La Delegito de I.L.E.I.
Francisco Zaragoza Ruiz

La Voĉdonantino
Faustina Martínez

La Sekretario
Molíns



## DISERTAĴO DE ANTONIO ALONSO NUÑEZ LEGITA DE MANUEL LOPEZ HERNANDEZ EN LA 45a KONGRESO DE HISPANA ESPERANTO – FEDERACIO EN KARTAGENA. (Ekstrakto)

## SOLVO AL KRIZO: ENERGIO ATOM–KERNA, KAJ TAMEN PURA

Estimataj sinjorinoj kaj sinjoroj.

Mi havas la honoron prelegi hodiaŭ antaŭ vi pri vere grava temo, konsistiganta problemon, kiu nuntempe nin vipadas pere de ekonomia krizo, ke konstante pli-altiĝantaj prezoj, de kruela senlaboreco... sed problemo kiu, tamen, enhavas la ĝermon de espero, de atendo je baldaŭaj pli helaj perspektivoj. Temas, kiel jam anoncite, pri rigardo al t.n. "energio-krizo" sub la optimisma perspektivo "Solvo al krizo: Energio atom-kerna" kaj tamen pura".

La afero, tamen, ne estas tiel simpla: lo pli profunda ol la nura prezplialtiĝo troviĝas en tiu fenomeno kiu tiom mis-efikas, ne nur sur la tereno de scienco kaj de tekniko, sed ankaŭ de ekonomio, politiko, socio.

Sed tiu alia afero —senlaboreco, konkurenco de novaj landoj, malapero de klasikaj industrioj kaj apero de novaj, krome pli postulemaj pri kvalifiko— ne apartenas al nia nuna temo; sekve, ni devas ĝin lasi netraktita ĉar, kvankam ja temas pri tre, tre grava afero, ni ne disponas tempon kiu sufiĉus ankaŭ por ĝi.

Kaj jen baza aserto: Kvankam oni povus tute bone argumenti ke la prez-altiĝo de petrolo kaj de la ceteraj energi-donaj materialoj estas unu el la kaŭzoj de la nuna krizo, oni dirus nur partan veron. Nur partan veron, ĉar tiu altiĝo estas, siavice, rezulto (efiko) de pli profunda kaŭzo.

Kies rezulto ĝi estas? La respondo estas simpla: Ĝi estas rezulto de la malabundo de energi-donaj materialoj. Kaj tiu malabundo des pli evidentiĝas, ju pli da industriiĝo okazas, kaj ju pli da novaj landoj kaj popoloj alvenas —cetere tute rajte kaj prave— al la altaj viv-niveloj de moderna socio. Kiel vi jam certe scias —kaj al tio ni revenos baldaŭ— la malabundo de petrolo, karbo kaj aliaj brulaĵoj grade kaj rapide fariĝas tiel akra, ke vere giganta katastrofo trafus la Homaron post kelkaj jardekoj aŭ jarcentoj se oni intertempe ne sukcesus pli ekspluatado de novaj energifontoj (kaj la celo de tiu ĉi prelego estas prezento al vi de la helaj perspektivoj ekzistantaj tiurilate).

Nia starpunkto por ekzameno de la situacio estas, do, la jena: Principe, neniu evoluinta lando volonte konsentus pri perdo de viv-

nivelo; en okazo de bezono, ĉiu el ili senskrupule farus militon por akiro raba de alilandaj karbo-minoj, petrol-putoj kaj ĉia viv-rimedo (ja la nuna militisma strukturo de nia mondo havas unu el siaj kaŭzoj en la prestiĝo veni se bezone al tia milito). Principe, ankaŭe, neniu nun evoluanta lando pretas resigni je plialtiĝo de la viv-nivelo de siaj ŝtatanoj, kaj faros sian tutan eblon por sukcesi en la koncernaj klopodoj; kaj, certe, milite rezistos se ĝi troviĝos en tia situacio, ke alia lando minacas ĝiajn viv- kaj progres-rimedojn. Sekve, se helaj perspektivoj ne ekzistus por energi-sufiĉo por ĉiuj, la estonteco certe estus malhela por ni ĉiuj kaj por la estontaj generacioj; kaj apenaŭ estas imageble, ke la morala sento portus ĉiujn al preteco frate kun-administri la malabundon de energio aŭ de kiu ajn esenca varo.

Sed ĉar feliĉe la perspektivoj estas akcepteble helaj, ni rajtas esperi, ke tia krima militado ne okazos en la mondo, almenaŭ pro energi-manko. Tial, la perspektivoj por ĉiam pli forta interfratiĝo de la Homaro kreskas, kaj ilia realiĝo estos ĉiam pli granda kaj perfekta. (Laŭ morala vidpunkto estas nur bedaŭre, ke oni venos al morala kaj politika progreso pere de teknika progreso kaj de materiala abundo, kaj ne inverse; sed tiaj estas la faktoj, kiujn ni prenas por bazo de nia nuna studo pri la krizo.

Ni prezentu do al ni la situacion —kiu baldaŭ estos fakto— ke ĉiuj landoj de la kvin kontinentoj strebados al atingo de viv-nivelo egala al tiu nuntempa en Usono (egala abundo de aŭtoj kaj de benzino por ili, egala abundo de nutraĵo, teksaĵoj, scienca esplorado, ktp., ktp.). Nu, kiom oble pli granda iĝos la energi-kvanto bezonata?. Vere, ke estas preskaŭ neimageble ke tia revolucio iĝus ebla en la kadro de la nunaj mondaj ekonomio kaj produktado. Ĉu vi kapablas imagi ke la nunaj petrol-putoj, karbo-minejoj, akvo-faloj por produktado de elektro, kaj ĉiuj analogaj rimedoj, povus freneze multipliki sian aktivadon per faktoro 3, 4, eble eĉ dek? Ĉu vi opinias ke oni sukcesis efike lukti kontraŭ la polucion devenantan de tiuj lokoj mem, kaj ankaŭ de la varo-fabrikoj?. (Por ekzemplo, en la pola Silezio —regiono tre karbo-riĉa— la elfosado de karbo grande kreskis dum la lastaj jaroj, ĉar pro la petrol-krizo multe kreskis la mendado de karbo; nu tio revigligis malriĉiĝantan regionon, sed la polucio de la aero kaj riveroj fariĝis preskaŭ katastrofa). Kaj, kiel ni scias, se temas pri la ordinaraj elektrocentraloj funkciantaj pere de atomkerna energio el t.n. "fusio", ni frontas la aldonan danĝeron de radiaĵa polucio.

Sed ni supozu, tamen, ke tia freneza multipliko de aktivado estus ebla, kaj ke oni tute bone sukcesus lukti kontraŭ polucion. Tuj sin trudas plej grava demando: Ĉu ni entute disponas pri tiom da energio; por kiom da tempo ni dis-

punus ĝin antaŭ ol ĉiuj petrol-putoj kaj karbo- aŭ urani-minoj definitive elĉerpiĝos?

Nu: Ekzakta respondo ne estas ebla, ne nur ĉar ĉiutage oni malkovras novajn putojn, minojn; ne nur ĉar kun la progreso de tekniko oni povas ekspluati kun ekonomia sukceso ejojn malriĉajn kaj tial forlasedajn ĝis nun, sed ankaŭ ĉar la specialistoj ne ĉiam akordiĝas inter si. Sed, certe, plena unuanimeco ekzistas pri tio, ke la rezervoj de kutimaj brulaĵoj —inkluzive de uranio estas ege malgrandaj. Jen, kiel nura indiko, kelkajn prognozojn— kiuj, kiel oni klare komprenas, povas esti nur proksimumaj, kaj ja ne povus pretendi ekzaktecon—: Se la konsumado daŭros laŭ la ritmo de la 70aj kaj 80aj jaroj, ni havus uranion por kelkaj 70 jaroj (sepdek), petrolon (incluzive la natura gaso) por kelkaj 150 jaroj (cent kvindek) —kvankam aliaj antaŭvidas eĉ ke ĝi elĉerpiĝus ĉirkaŭ la jaro 2000, kun la fino de la jarmillo—; kaj ni disponus karbon por kelkaj 200 aŭ 300 jaroj (ducent, tricent).

El ĉio ĝis nun dirita evidentas, ke se aliaj perspektivoj ne ekzistus, la situacio estus katastrofa. Kaj ke, do, anstataŭ la nunan kruelan krizon de senlaboreco, de altiĝantaj kostoj, de inflacio, de reduktita produktado, ni havus, simple, la jam cititan militon por rab-kuro al la rezervejoj de energi-donaj produktoj kaj de ĉiaj krud-materialoj. La venkitoj de tiu milito jam rekte plongus en la katastrofon (supoze ke ili ne estus tuj ekstermitaj), kaj la venkintoj simple estus prokrastintaj por kelkaj jardekoj sian propran katastrofon (ja kun espero intertempe venis pere de tekniko al pli favora situacio), kaj se ni optimisme pensus pri ne-ekzisto de milito, sed de ia surogato de ĝi, ni simple vidus kiel pligrandiĝus la abismo kiu nun apartigas evoluantajn landojn disde tiuj jam evoluintaj, kaj do la unuaj faladus sen-elire en tiun abismon.

Kaj jen ni venas al la kerno de nia hodiaŭa temo: Al studo pri tio, kiuj estas la diversaj energifontoj konataj, kaj kial inter ili ni trovas unu, kiu heligas la horizonton por pli-malpli baldaŭa estonteco — kiel ajn estu, certe antaŭ ol la katastrofo pri kiu ni parolis fakte trafos la Homaron.

Vi certe scias, ke la energi-fontojn oni klasas en "renovigeblajn" kaj en "ne-renovigeblajn". Per la unuaj oni indikas tiujn materialojn ekzistantajn en la Tero en fiksa kvanto – krome, kaj principe, malgranda kvanto — kaj kiujn, do, uzado portas al elĉerpiĝo. (Inter ili ni havas: uranion, petrolon, karbon). Per la duaj ni indikas tiujn materialojn, kiujn la agado de la Suno nur la Teron konstante renovigas por ni — kvankam ja ne laŭplaĉe por la homo, sed nur en difinitaj kvantoj. (Inter ili ni havas: brul-lignon, akvo-falojn, rektan Sun-varmon al la Tero, ventojn, tajdojn, ktp.)

Nu, tia klasado estas tute adekvata por la nuna energi-industrio;

sed por la estonteco tria klaso vidiĝas, ke ĝi estos tiam la plej grava: Temas pri la hidrogeno ekzistanta en la akvo de riveroj, lagoj kaj maroj. Ĝi ja ekzistas en fiksa kvanto; sed tiu kvanto estas tiel granda, ke por homaj celoj oni devas konsideri ĝin neelĉerpebla; kaj ĝuste el tiu ĉi lasta konsidero, sin montras la pli hela estonteco por ni.

Alia klasado estas tiu, laŭ kiu oni parolas pri "klasikaj energioj kaj aŭ teknologioj", kaj "modernaj energioj kaj aŭ teknologioj". Inter la unuaj ni havas bruligadon de karbo kaj petrolo, hidraŭlikajn elektro-centraloj, akvo-muelilojn, ŝip-velojn, antikvajn vento-muelilojn, eĉ "klasikajn" atomcentralojn. Inter la duaj ni havas: Ekspluatadon de la rekta Sun-radiaĵo pere de foto-ĉeloj, gasigon de karbo, fabrikadon de gaso el "biomaso" (sterko kaj similaj), "modernajn" ventomuelilojn, ekspluatadon de mar-tajdoj kaj de la t.n. "geoterma gradiento" (t.e., de la temperaturo-diferenco inter malsamaj profundaj de la tero aŭ maro), rektan ekspluatadon de varma akvo el gejseroj, t.n. "rapidajn reaktorojn" por atom-kerna energio (tamen, plu funkciantaj per uranio, ne per hidrogeno), ktp. (Kaj ni devas citi ankaŭ la plej mirindan "maŝinon" por ekspluatado de la Sun-energio: ja temas pri plantoj kiuj, konstante kreskante kaj renoviĝante, provizas nin per nutraĵoj, brul-ligno, ktp. Sed tio evidente, ne apartenas al nia hodiaŭa temo.

Ĉio ĵus dirita klare montras al la grandaj streboj kiujn teknikistoj faradas ĉie tra la mondo por veni al pliperfektigo de la nunaj metodoj, kaj al trovado de novaj energifontoj. Kiuj estas la kondiĉoj, laŭ kiuj unu difinita energi-fonto povas enuziĝi? Jen la kvar kondiĉoj, plus unu kroma konsidero, kiujn la teknikistoj kutime listigas pri tio:

(1) Kompreneble, ke tiu fonto ekzistu. (2) Ke ekzistu aŭ oni sukcesu munti teknologion adekvatan por ekspluatado de la fonto. (3) Ke laŭ kosto de nova fonto iĝu konkurenca al la aliaj fontoj. (4) Ke tiu nova fonto estu aŭ iĝu socie akceptebla (pensu, ekzemple, pri eventuala polucio, aŭ pri la danĝeraj atom-radiaĵoj). (5) Kaj oni konsideru, kiom-grade la nova fonto solvas aŭ helpas solvi la kompletan problemon kaj krizon de energio.

Kaj ĉar ni ne devas elĉerpi la temon, al ni sufiĉos atenti nur du erojn: Antaŭ ĉio, kaj ne laste (pro nepra atento al ekologio, al manko de polucio, al kiel eble plej granda respekto al nia ĉirkaŭaĵo), ni devas ion diri pri la renovigeblaj fontoj. Kaj poste pri hidrogena atom-kerna energio.

Do, unue pri renovigeblaj: La du plej gravaj el ili estas la hidraŭlika kaj la rekta ekspluatado de la Sun-radiaĵoj kiuj atingas la Teron. Aliaj formoj (ekspluatado de ventoj, tajdoj, geoterma gradiento, estas konsiderataj flankaj, akcesoraj en la kadro de la nunaj teknikaj eblaĵoj). Kaj ĉar pri hidraŭlika ni

jam scias ke ĝi apenaŭ povos kreski en jam industriiĝintaj landoj, ni venos al rekta ekspluatado de la Sun-energio kiu atingas la Teron, (sed nur tiun parton, kiu ne estas uzata aŭ ne-tute uzata por agrikulturaj celoj).

Evidente, la fonto ekzistas, kaj ĝi estas principe neelĉerpebla, kaj senpaga: Oni kalkulas, ke la Suno ekzistas jam de ses mil milionoj da jaroj, kaj plu vivos pliajn ses mil milionojn. (Jen ni ektuŝis plian temon, kiun ni ne povas malvolvi hodiaŭ: La estiĝo—kielo kaj —kialo de astroj, kaj tiom da koncernaj demandoj kosmologiaj; kaj, ankaŭ, la filozofiaj kaj /aŭ religiaj pensoj pri la destino de la Universo kaj de la Homo en ĝi, kiujn citado de tiuj grandegaj tempokvantoj naskigas en la homa menso). Sed, kvankam tia energio venas al ni senpage, la muntado de adekvata teknologio por ekspluatado de ĝi tute same triviala afero — des malpli plene kontentige jam solvita — kaj ĝi tute same ne estas etkosta teknologio, tiel ke nuntempe ĝi apenaŭ povas konkurenci kun aliaj tradiciaj fontoj; nur en la kadro de malgrandaj instalaĵoj, kaj grandparte kun ĉefe esploraj celoj, oni muntas ili. Kaj, certe kaj plej favore al ĝi, kaj favore ankaŭ por ni, ĝi estas la plej pura energi-fonto disponebla kaj pensebla. Ne strange, do, ke niaj suspiraj kaj sopiraj rigardoj sin turnas al ĝi: Se oni povus ekspluati tiun fonton en sufiĉa grado, la energio-krizo estus solvita por ĉiam — aŭ, almenaŭ, por ĉiam... laŭ homa skalo: ni povas okupiĝi kaj zorgi pri ni mem, pri niaj filoj kaj nepoj, eble pri pranepoj; sed ĉio kio venos poste troviĝas tute ekster la atingo-povo de nia influo; do, se tiu energio daŭrus tiom, kiom la Suno, ne plu temus pri problemo por ni laŭ strikte teknika vidpunkto.

(daŭrigota)

---

# 59a SAT KONGRESO DE ESPERANTO EN HISPANIO

Organizite de "Associació Cultural Esperantista"; Montseny, 5; SABADELL; okazos la venontan jaron 1986 de la 2a ĝis la 9a de Aŭgusto, en Sant Cugat del Vallès (Barcelono) kaj en la tiea "Institucio Borĵa" la 59a SAT Kongreso de Esperanto.

Petu informojn kaj aliĝilojn al la menciitaj Asocio kaj adreso.

**LOKA KONGRESA KOMITATO**
Prezidanto: s-ro Ramón Manau
Sekretario: s-ro Giordano Moya
Kasisto: s-ro Hernández Llusera

Ni ricevis Raporton pri la 13-a Scienca Interlingvistika Simpozio okazinta en Varsovio en la tagoj 17.4 – 1.5 de 1985. Ĝi estis organizita de Akademia Centro Interlingvistika, funkcianta enkadre de Asocio de Polaj Studentoj. Entute partoprenis 43 personoj, universitatanoj kaj studentoj el 14 landoj.

# NOVA KATALOGO

Libro-servo de H.E.F. ĵus aperigis novan libron-katalogon, kiu en 12 paĝoj listigas la librojn kaj esperantaĵojn aĉeteblajn en tiu grava servo de la Federacio.

Se vi deziras ricevi senpage ekzempleron, skribu tuj al Libroservo de H.E.F.; Apartado 119, 47080 VALLADOLID.

# DEZIRAS KORESPONDI

Malta knabo, 12-jara: Wallace Camilleri; 28, Carmel Street. ЗABHAR (Malta)

Franko Camilleri, 13-jara malta knabo: 237, Ndina Road QORNI (Malta)

Hungara knabino: Krisztina Elizabeta Miskolczi; H. 6000 KECSKEMÉT; Akadémia Körút 32-v / 42 (Hungario)

S-ino Jenny Winter; med. oficistino, 55-j; str. Am Bach, 2, 8501 FRAKENTHAL (Gem. Dem. Resp.)

F-ino Regine Paofler; instruistino de germana lingvo kaj desegnado, 25-j; str. Pulsnitzer, 7; 8506 OHORN (Gem. Dem. Resp.)

HISPANLINGVA PRELEGO FARE DE S–RO ANICETO VALVERDE MARTINEZ.
PROFESORO EN LA "ESCUELA POLITECNICA DE CARTAGENA"

## "LA MARO KAJ ĜIAJ RIĈO–FONTOJ"

Valverde Martínez priparolis pri la maro kiel fonto de energio, de mineralaj rimedoj kaj, en la nuna teknologio, de hidrokarbidoj kaj metaloj.

Li asertis, ke la primitiva homo estis tiranata de la naturo, kaj laŭ la historia malvolviĝo, li dividis la homajn epokojn tiel; 1-e, la primitiva homo; 2-e, la ĉasista homo; 3-e, la primitiva agrokulturisto; 4-e, la disvolviĝinta agrokulturista homo, 5-e, la industria homo; kaj 6-e, la teknologia homo.

Pri la nuntempa teknologia homo li menciis la grandan kreskantan konsumadon de energio kaj la optimismajn kaj pesimismajn hipotezojn pri la elĉerpiĝo de la energio. La plej optimismaj antaŭvidas la elĉerpiĝon de la fontoj de energio en la jaro 2.700a kaj la pesimismaj, post la jaro 2.000a: la karbo 250 jarojn post ĝi, la petrolo 15 jarojn kaj la natura gaso 12 jarojn poste. Pri la eblaj fontoj de energio en la Tero li la tajdoj, la marondoj, la energio de la isotropoj, la malkombino de la akvo, per fototropio en ĝiajn du elementojn, hidrogenon kaj oksigenon kaj la neelĉerpebla varmenergio el brulado de tiu hidrogeno.

La Suno kondiĉas la vivon sur la Tero kaj oni konjektas por la Suno ankoraŭ 4.000.000.000 da jaroj ĝis ĝi mortos.

Li eksplikis la nunajn elektrajn centraloj, kiuj profitas la maran energion de la tajdoj kaj pri la energio de la maroondoj, li diris, ke ĝia ekspluatado estas komplika, sed laŭ kapableco grandega. Rimarkindaj estas la eblecoj de la mara planktono, la sumbara petrolo kaj la metalo manganeso.

Li finis sian disertacion per elmontro de triangula diagramo, kies tri pintoj estas: politiko, scienca tekniko, kaj ekonomio, kaj la fono estas la humanismo.

**G.M.E.**

---



**Ĝojan Kristnaskon**
**kaj**
**Feliĉan Novan Jaron !!**

## NOVAJ ESPERANTO–ASOCIOJ KAJ ESPERANTO–ORGANIZOJ ALIĜINTAJ AL H.E.F. EN LA NUNA JARO

ESPERANTO – GRUPO "JOZEFO ANGLES". Orient, 59, 1° 3ª. SANT CUGAT DEL VALLES (Barcelona)

ESPERANTO – GRUPO MOLLET DEL VALLES. Ronda d'Orient 8, 4° 4ª. MOLLET DEL VALLES (Barcelona)

GRUPO ESPERANTO IB SENECA. Avda. Menéndez Pidal s/n. CORDOBA

TUTMONDE. Apartat 313. TERRASSA (Barcelona)

HISPANA ESPERANTO – MUZEO. Dr. Zamenhof 12. SANT PAU D'ORDAL (Barcelona)

HEROLDO DE ESPERANTO. J. Ramón Jiménez 28, 6° A. 28036 MADRID

SECCIO D'ESPERANTO CENTRE EXCURSIONISTA PUIGCASTELLAR. Sant Josep 20. SANTA COLOMA DE GRAMANET (Barcelona)

GRUPO ESPERANTO AŬRORO. Mallorca 580. 08016 BARCELONA

KATOLIKA ESPERANTISTA ASOCIO. Fray Luis Amigó. Ed. Diamante 1° F 50006 ZARAGOZA

GRUPO ESPERANTISTA "KLARA SILVERNIK". Av. 11 setembre 59 SABADELL (Barcelona)

AMIKOJ DE UNESKO Esperanto – Sekcio. Plaza Tirso de Molina 8. 28012 MADRID

ANDALUZIA ESPERANTO – UNUIĜO. Trinidad Grund 28. 29001 MALAGA

GRUPO ESPERANTISTA "Ricardo Codorniu". Sta. Teresa 16. 30005 MURCIA

SECCIO D'ESPERANTO GRUP FILATELIC I NUMISMATIC DE TERRASSA. Centre Cultural, Rambla d'Egara 340, 2a planta. TERRASSA (Barcelona)

ASSOCIACIÓ CULTURAL ESPERANTISTA. Montseny 5, piso. SABADELL (Barcelona)

# 46a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**VIGO de la 15a ĝis la 20a de julio 1986**

Adreso de la Loka Kongresa Komitato
Círculo Mercantil, strato Príncipe, 44

**Loka Kongresa Komitato:**

| | |
|---|---|
| Prezidanto, s-ro | Julio Bueno Cortés |
| Viceprezidanto, s-ro | Pío Moa Manga |
| Sekretario, s-ro | Jaime Camoa González |
| Kasisto, s-ro | José Carlos Quintana Montero |

**KONGRESEJO**

Centro Cultural de la Caja de Ahorros Municipal de Vigo, stratoj Policarpo Sanz, 13 kaj Marqués de Valladares.

**LASTAJ INFORMOJ**

La demarŝoj pri la 46a Kongreso komenciĝis dum la pasinta Kongreso en Cartagena kaj nun ni jam povas informi al vi ke jam aliĝis al la Kongreso en Vigo preskaŭ 60 kongresanoj.

La Kongresa Komitato kontaktis kun la urbestrato kaj petis la inaŭguron de strato "Esperanto" kaj financan subtenon.

Oni intencas organizi ankaŭ ekspozicion, altirajn prelegojn kaj allogan folkloran feston.

Artaj kaj Sciencaj horoj, prezentado de novaj verkoj, tuttaga ekskurso, bankedo kaj la ĝenerala kunveno de HEF plenigos la kongresprogramon.

Prelegontoj kaj eldonistoj bonvolu proponi viajn temojn kaj verkojn tuj al la Kongresa Komitato. Ĝis Vigo.

**Julio Bueno**



1887-1987 | Centjara Jubileo de Esperanto



1887-1987 | Centjara Jubileo de Esperanto

# 13a RENKONTIĜO DE LA VALENCIA ESPERANTISTARO

Dimanĉon la 26an de majo kunvenis en Alcoy, en nombro de ĉirkaŭ 70 gepartoprenantoj, la samideanaro de la valencia regiono.

Antaŭ ol paroli pri la bazaj detaloj de ĉi tiu evento trudiĝas la neceso, se eĉ nur birdo-fluge, diri ion pri ĉi tiu urbo.

Ĝi situas en la supro de la montara zono de la provinco de Alicante. Ĉiuj ĝiaj karakterizoj, longaj mallarĝaj stratoj kiuj svarmas tra la tuta urbo; pontoj, kiuj multiĝas super profundaj ravinoj aŭ talusoj arte komunikigantaj la diversajn periferiajn kvartalojn; abundo da parkoj kaj ĝardenoj; antikvaj imponaj konstruaĵoj klare parolas pri urbo industria kun elstaraj trajtoj en la branĉoj teksa kaj papera kun famo en la tuta lando. Fortaj spuroj de iamaj laboristaj organizaĵoj, famaj festoj de maŭroj kaj kristanoj, kiuj ĉiu jare kun populara brilo, reliefigas scenojn de la bataloj okazintaj antaŭ jarcentoj kontraŭ la muzulmanoj por rekonkeri urbojn kaj Kredon.




La kunveno, kunsidoj kaj manĝo okazis en la sama domo. Iam ĝi estis societo de solidaraj monhelpoj, kiuj antaŭ la ekzisto de la modernaj socialaj leĝoj ebligis al la laboristoj kuracistan atenton, sportajn distrojn kaj aliajn solidarecajn servojn.

Salutis samideanoj de Alcoy, Valencia, Alicante, Novelda, Elche, Orihuela, Burjasot, Callosa de Segura kaj ankaŭ niaj invititoj el Murcia kaj Cartagena. Kelkaj samideanoj el ĉi tiu lasta urbo, membroj de la ĉi-jara Organiza Kongres-komitato donis al ni skizajn informojn pri nia venonta ĝenerala kunveno.

La respondeculo de I.L.E.I. parolis pri la aktivado de ĉi tiu organizaĵo en la kampo de la lernejoj kaj ties pozitivaj atingoj.

Estis disdonado de diplomoj al kursfinintoj, kiuj atingis kontentigan poentaron en lasta ekzameno.

Plej diversaj opinioj aŭdiĝis pri proponoj rilate proksiman urbon kaj daton de okazonta renkontiĝo; fina decido akceptis urbon de la provinco de Castellón kaj la lastan dimanĉon de la venontjara septembro.

Amika, vere kamaradeca etoso regis dum la tuta aranĝo. Kiel prave diris samideano de la prezidotablo en siaj fermo-paroloj: ... "en niaj vicoj feliĉe ne ekzistas drogemuloj, envioj nek rankoroj".

Kaj tiel finiĝis ĉi tiu ero de la valenciana movado.

Post la tostoj, kanto de la Espero, kisoj kaj brakpremoj ĉiuj adiaŭis ĝis la venonta jaro en la Castellona-io provinco.

Informis: **M. López Serna**

# PRI NIAJ NACIAJ KONGRESOJ OPINIO



Kutime de sur la podio kongresanoj ofte esprimas laŭdajn vortojn gratulante organizantojn; tamen, en aliaj momentoj oni aŭdetas kritikojn pri ĉiaj mankoj kaj kelkfoje ili atingas la koncernajn personojn, ĝenerale LKK-anojn. Mi estas tute certa ke dum niaj Naciaj Kongresoj estas aranĝoj kiuj bone sukcesas, ankaŭ estas taskoj aŭ zorgoj ne kontentige plenumitaj, okazas forgesoj aŭ difinitaj programeroj problemetas —foje eĉ problemegas, kaj kompreneble ankaŭ ĉi jare tia maniere nia Nacia Kongreso pli malpli klopodis plenumi sian celon. Sed, mi opinias ke ĝuste tio, kio laŭ nia konstato nun ne taŭge funkciis devas servi kiel sperto por organizontoj de niaj kongresoj por ke estonte samaj eraroj ne estu. Tamen, ĉiukaze ni ankaŭ devas pensi pri homoj tute ne spertaj pri kongresa organizado kiuj dum unu tuta jaro sin dediĉas zorgoplene por plej ebla sukceso de nia ĉiujara kunveno. Oni devas eĉ konsideri ke dum ni laŭvole ĝuas ĝiajn programerojn, kelkaj personoj senĉese, silente, diligente, ageme deĵoras por helpi kaj eventuale solvi ĉian lastminutan problemon. Des pli, ni devas esti dankemaj al tiuj kuraĝaj samideanoj kiuj jaron post jaro prenas sur sin tiun pezan taskon kaj ni devas atenti ke ili estas personoj ne fakaj por tio. Sed, mi opinias ke ni devas esti ne nur dankemaj al tiuj kuraĝuloj kiuj streĉe strebas por sukceso kaj plenumo de niaj naciaj kongresoj, sed ke krome ni devas fieri por tio. Kaj jes, ni fieras tute klare diri ke sen tia kuraĝa kaj brava samideanaro preta por ekorganizado de niaj naciaj kongresoj, ili entute ne povus okazi. Kaj mi opinias ke ni ĉiuj devas ankaŭ esti fieraj pro tio ke inter ni ankoraŭ troviĝas gesamideanoj pretaj por tia sindediĉo: organizi nian nacian kongreson de Esperanto. Al tiu kuraĝa samideanaro, simple, dankon!

**Juan Azcuénaga Vierna**




## 3a ANDALUZIA KONGRESO DE ESPERANTO

De la 15a ĝis la 18a de Aŭgusto, okazis en Seviljo, kaj organizite de AEU, la 3a Andaluzia Kongreso de Esperanto. Ĉeestis kaj partoprenis ĝin, samideanoj de Cheste kaj Vitorio, krom tiuj loĝantaj en Andaluzio. Speciale rimarkindas la partopreno de Miguel Angel Sancho, el Madrido, preleginta pri "Basic", la kunlaboro de TVE kaj la helpo de la Urbestraro de Seviljo.

Por la unua fojo oni liveris, al lernantoj sukcesintaj, la Diplomon pri Elementa Kurso de Esperanto akorde kun la nova regularo.

Laŭ konsento, la 4a Andaluzia Kongreso de Esperanto okazos en Granada, urbo kie jam komencis vigliĝi la Movado.

Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, el ĉi tiuj paĝoj de BOLETIN de HEF, dankas kore al ĉiuj personoj kaj organizoj, kiuj kuraĝigis ĝin jen letere, jen telegrame, okaze de ĝia kongreso.

El la KONKLUDOJ KAJ REZOLUCIOJ de la 3a ANDALUZIA KONGRESO DE ESPERANTO.

**Pri "Gazeto Andaluzia"** Oni decidis ke la eldonkvanto estu 100, la enhavo 16 paĝoj kaj la venonta numero aperu fine de septembro (numeroj 8 kaj 9). Oni plibonigos ĝin ĉiusence.

— Instigi la gejunulojn partopreni en la funkciado de la Junulara Sekcio de A.E.U. (Andaluzia Esperantista Junularo)

— Instigi la respondeculojn de Publikaj Bibliotekoj pliigi la stokon per aĉetado de Esperantaj-verkoj. Tiu-cele oni rekomendas ke ĉiu esperantisto/grupo kontaktu la bibliotekestrojn kaj havigu al ili la respondajn katalogojn.

— Kontakti komputorajn Firmojn por instigi ilin demokratie enkonduki ĉiujn nacilingvajn specifajn litersignojn. Oni atentigu ilin pri la neceso provizi la uzantojn je hardvaraj aŭ softvaraj sistemoj por la korekta komputortajpado de Esperanto.

**Pri la venonta Kongresurbo** Oni elektis la urbon Granada kiel sidejon de la venonta Kongreso (Aŭgusto 1986)

# POEZIA ANGULO

**ROMANCO DE LA KONKERO DE ALHAMA,**
**per kiu komencis la lasta milito de Granada.**

Promenis la reĝo maŭra
tra la stratoj de Granada,
ek de la pordo de Elvira
al tiu de Vivarrambla.

Laŭ leter' ĵus ricevita
kristanoj gajnis Alhaman.
Aj mia Alhama!

Leteron ĵetis en fajron,
portinton igis senkapa,
pugne eltiris la hararon
kaj sian barbon ŝiradas.

Deselis de la mulino
kaj sur ĉevalo li rajdas;
laŭlonge de l' Zakatin'
supreniras ĝis la Alhambra.

Sonoris liaj trumpetoj,
liaj klarionoj vibrantaj,
por alvenigi la maŭrojn
en la kamparo plugantaj.

Jen kvarope, jen kvinope,
kuniĝis amaso granda.
Parolis olda muftio,
barbo tre nobla kaj blanka:

— Kial nin vokas, ho, reĝo,
kial urĝe nin vokadas?
— Por anonci al vi, amikoj,
doloran perdon de Alhama.
Aj mia Alhama!

— Vi ĝin meritis, bon' reĝo;
perdo, reĝo, meritata.
Mortigis vi abenzeraĵojn,
noblajn filojn de Granada,
kaj prenis la animturneblajn
de Kordobo la mondfama.

Kaj pro tio vi meritas
punon ĉiam memoratan:
Perdiĝu vi kaj la regno
kaj malaperu Granada!
Aj mia Alhama!

**Tradukis: JES**

*La kristanoj konkeris la urbon Alhama en 1482. Tiu romanco fariĝis tre populara en la 16a jarcento. Rodd, Southey, Lord Byron kaj Gibson tradukis ĝin en la anglan; Geibel en la germanan; Damas Hinard kaj Merimée en la francan.*

# NIAJ GRUPOJ



Manresa.– Grandan sukceson havis la ekspozicio pri Esperanto, okazinta en tiu urbo en la monato Julio. Ĝi estis organizita de "Esperanto-fako Casal d'Avis de Manresa" kaj Hispana Esperanto-Federacio kun la kunlaborado de la Urbestraro, Omnium Cultural kaj Lingua Club.

## ĜIRONA ESPERO

Dum la ordinara kunveno okazinta en la pasinta februaro, oni elektis kiel Sekretariinon, Montserrat Poch Dagà kaj Emili Aguilar kiel voĉdonanton, de la E. grupo "Ĝirona Espero".

Dum la monata Kunveno de la Loka Komitato, la 30an de marto, estis akceptita Junulara Fako, kies Prezidanto estas Jordi Serra Mestres. En okazo de la Libro-Festo, la 23an de aprilo, sub la flagoafiŝo de "Joves Esperantistes" oni starigis sur la Rambla lokvendejon de rozoj kaj E. libroj; kelkaj gejunuloj estis varbitaj por venonta somera E. kurso. Por festi la E. Kurs-finon, la dimanĉon 23an de junio okazis kampara tagmanĝo apud fonto en valo sankta Daniel.

Manuel Figuerola Palomo, prof. kaj d-ro pri Ekonomikaj Sciencoj disertaciis la 15an de Aprilo en la madrida Oficejo de H.E.F. pri la temo: Esperanto kaj la Sociaj kaj Ekonomiaj Celoj de la Turismo.

## MADRIDA ESPERANTO LICEO



Nia kara madrida samideano Juan Carlos Ruiz Sierra, konata en la hispana esperanta movado pro sia simpatieco, vigleco kaj granda agado por Esperanto, edziĝis kun la belega, simpatia kaj ankaŭ aktiva esperantistino Maribel Alonso Marín. Ili interkonatiĝis antaŭ kelkaj jaroj dum kurso de Esperanto en Madrida Esperanto Liceo, kaj "al amo per Esperanto". Ni deziras al ili feliĉecon kaj longan vivon plena je sukceso kaj bona humoro.

# ESPERANTO EN LA LAGUNA

En 1984 estis inaŭgurita, en la universitata urbo La Laguna (Kanarioj), nova **Esperanto**-strato, hispane **Calle Esperanto**, kiel montras la apuda bildo. Apud la strato-nomo aperas la urbo-blazono.

La universitata urbo La Laguna, kun ĉ. 130.000 loĝantoj, apud la insula ĉefurbo, Santa Cruz de Tenerife, kun ĉ. 250.000 loĝantoj, estas pozitive ligita al la historio de Esperanto. En 1960 estis inaŭgurita **Zamenhof**-strato. Du esperantistoj, nome D-ro Elías Serra Ràfols kaj D-ro Jesús Maynar Duplá, jam mortintaj, ambaŭ honoraj membroj de la Esperantista Societo de Tenerifo (ESTO), estis honorigitaj per nomigo de stratoj; Prof. Maynar vizitis plurajn universalajn kongresojn de Esperanto. Nun la magistrato de La Laguna donis al nova placo la nomon de D-ro Juan Régulo Pérez. Ankaŭ la magistrato, antaŭ kelkaj jaroj, donis la nomon D-ro Antonio González al nova strato; D-ro González, universitata profesoro, mem ne esperantisto, sed ĉiam apoganto de Esperanto, kiam li estis universitata rektoro oficialigis la instruadon de "Esperanto (Lingvo kaj Literaturo)" en la Instituto pri Lingvoj de la Universitato; tiu instruado daŭris 18 jarojn sub la gvidado de Prof. J. Régulo. En la urbo La Laguna okazis la 29a Hispana Kongreso de Esperanto en 1969 kaj pro ĉi ties signifo la insula tiuurba strato en tiu sama jaro 1969. Kaj en La Laguna funkciis, dum 25 jaroj, de 1952 ĝis 1977, Esperanto-eldonejo, gvidata de **J. Régulo, Eldonisto**, kiu aperigis pli ol 90 titolojn en Esperanto, kun pli ol 19.000 teksto-paĝoj, sub la marko STAFETO. Kiel oni povas konstati, en la historio de Esperanto la nomo de la universitato urbo La Laguna havas apartan niĉon.

J. R. P.



# INTERNACIA HISPAN–LINGVA TRADUK–KONKURSO

Lige kun la Jubilea Jaro, Madrida Esperanto-Liceo organizas internacian konkurson pri tradukado en Esperanton de nefragmenta **proza** literaturaĵo el la originala hispanlingva literaturo.

**Partopreno:** a) ĉiu konkursanto rajtas partopreni per maksimume unu verko, antaŭe ne publikigita pres-forme;

b) la konkursaĵo devas esti sendita en **3 ekzempleroj** al la jena adreso: **Madrida Esperanto-Liceo (MEL), Internacia Traduk-konkurso, c/ Atocha 98, 4°, E-28012 Madrid, Hispanio.**

**Anonimeco:** ĉiu konkursaĵo devas esti subskribita per pseŭdonimo. La sama pseŭdonimo estu ripetita sur aldonita koverto ene de kiu troviĝu la plena nomo de la tradukinto kaj lia plena adreso.

**Temo:** la konkursantoj rajtas libere elekti la tradukotajn aŭtoro kaj verkon.

**Longo:** la longo de la partoprenantaj konkursaĵoj devas esti inter 25 kaj 50 paĝoj, formato Din A 4, tajpitaj kun duobla interspaco.

**Lim-dato:** la konkursaĵoj devas alveni al MEL ĝis la 30-a de junio 1986.

**Juĝantaro:** la alvenintaj konkursaĵoj estos prijuĝitaj de 3-personoj juĝantaro. La membroj de la juĝantaro ne rajtas partopreni en la konkurso.

**Premioj:** estos asignitaj 3 premioj. Ĉiu premiita konkursanto ricevos diplomon kaj pokalon dum la Jubilea UK de Varsovio en 1987. La rezultoj de la Konkurso estos anoncitaj en la Esperanto-gazetaro.

**Publikigo:** Madrida Esperanto Liceo rezervas al si la rajton publikigi la remiita (j)n verko (j)n.

## DEZIRAS KORESPONDI

Junaj lernantoj de Esperanto. Grupo de Malago deziras korespondi pri diversaj temoj tutmonde. Andaluzia Esperanto-Unuiĝo; Trinidad Grund, 28, 2°; 29001 MALAGA (Hispanio)

Mi estas 17-jara knabino. Kun similaĝaj mi ŝatus korespondi. **Szeĝo** Márta; Magyaronzág; 1193 BUDAPEST; Villany v. 8 (Hungario)



## SECCIO D' ESPERANTO CENTRE PUIGCASTELLAR SANTA COLOMA DE GRAMANET

La 26an de septembro estis organizita de la esperantistaro de Centre Puigcastellar informa kunveno pri la novaj E-Kursoj kiuj komenciĝis la 17an de oktobro. Je la unua parto s-anino María Garcés prezentis belegan kaj interesan kolekton da diapozitivoj, komentariitaj de nia karmemora Petro Nuez, poste okazis kolokvo, kaj en ĝi partoprenis la prezidanto de Centre Puigcastellar la prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio kaj membroj de diversaj kulturaj asocioj.

---

## NEKROLOGOJ

**Evaristo Gil Pallarès** (1920 – 1985) forpasis la 7an de Julio en Barcelona. Esperantisto, grava kolektanto de poŝtstampoj, vinjetoj kaj esperantaĵoj.

**Ke li pace ripozu**

**Julian López Morales** (1902 – 1985) mortis en Bilbao la 11an de Julio post pli ol dumonata malsano. Li esperantisĝis antaŭ proksimume 15 jaroj kaj dum tiu tempo li estis konstanta vojaĝanto kaj partoprenanto de hispanaj, universalaj, SAT kaj fervojistaj Kongresoj.



La Estraro de HEF kunvenis en Terrassa, la 14an de Aprilo, en la sidejo de "Grup Filatèlic i Numismàtic" de tiu urbo.

---

# HEROLDO DE ESPERANTO

---

**LA PLEJ OFTA INTERNACIA GAZETO DE LA ESPERANTO – MOVADO**

**TUTJARAJ ABONOJ POR 1986**

| | |
|---|---|
| Tutjara abono: | 1.200 pesetoj |
| Subtenanta abono: | 2.400 pesetoj |
| 25 vortoj, anoncetoj: | 500 pesetoj |

Sendu poŝtan ĝiron kaj klare menciu: kiu kaj por kio pagas kaj legeble skribu viajn nomon kaj adreson. Al s-ro Luis Serrano Pérez, Font Nova 32, SABADELL (Barcelono).



EL JEFE DE LA CASA DE
S. M. EL REY

pz.
212/85

SU MAJESTAD EL REY accediendo a la petición que tan amablemente Le ha sido formulada, ha tenido a bien aceptar la

**PRESIDENCIA DE HONOR**

del "CONGRESO JUBILAR DE ESPERANTO 1987".

Lo que me complace participarle para su conocimiento y demás efectos.

PALMA DE MALLORCA, 12 de agosto de 1985
EL JEFE DE LA CASA DE SU MAJESTAD EL REY,



SEÑOR PRESIDENTE DEL COMITE ORGANIZADOR DEL CONGRESO JUBILAR ESPAÑOL DE ESPERANTO 1987.

MADRID